# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXX, No. 377. SEPTEMBER, 1936.


## LA REDAKCIO KOMENTAS

EN tiu ĉi numero ni presigas la unuan parton de raporto pri la 28a Universala Kongreso en Vieno. Finiĝis la 28a, kaj jam oni komencis prepari la 29an, la Jubilean Kongreson, kiu taŭge okazos en Varsovio, la pola ĉefurbo, la urbo, en kiu nia Majestro donis Esperanton al la mondo, kaj en kiu li faris la plej grandan parton de sia sindona laboro por nia burĝonanta Movado.

**La U.K.**

Ni esperu, ke rekorda nombro da samideanoj trovos la eblecon veturi al Varsovio por festi la kvindekan datrevenon de la naskiĝo de Esperanto.

* * *

Jam dum multaj jaroj la Radio-komitato de B.E.A. sensukcese penadis por venki la obstinan rifuzadon de la B.B.C., iel reprezenti nian Movadon en siaj riĉaj kaj multflankaj programoj. Des pli granda gloro apartenas al Sennacieca Asocio Tutmonda (S.A.T.) pri kies sukceso sur tiu ĉi kampo vi povas legi en nia ĉi-monata radio-paĝo. Kun granda plezuro, ankaŭ, ni presigas raporton pri la ĉi-jara Mondkongreso de S.A.T., okazinta en Manchester. La nuna harmonio inter la "fakaj" kaj "neŭtralaj" organizaĵoj longe daŭru!

**Fine— La B.B.C.**



### MODERN TOWER OF BABEL

AT GENEVA, and wherever the Powers come together to discuss the questions that harass Europe, there is one fundamental difficulty in the way of a peaceable agreement.

This difficulty is not political. It is racial—for the delegates do not speak the same language. Some may speak French or German, or both, but many of them have no language save their own.

Consequently interpreters are required to convey the meaning of each to all, and, however skilled such translation may be, there is always the risk that fine shades of meaning—so beloved by Diplomats—will lose their precise significance.

We had a conspicuous instance of this difficulty when Hitler's famous word "alsbald" was variously defined as "forthwith," "as soon as possible," or "in due course." The episode became a joke, but more than once in the world's history similar confusions of meaning have led to war.

If only the delegates to international conferences could chat easily with each other in private conversations, and understand each other perfectly at the council table, the approach to peace would be considerably easier.

There will be no certainty of peace and understanding between the nations until all speak a universal language, Esperanto for example.

*Reprinted from* EVERYBODY'S, *the popular weekly.*

**NON-ESPERANTISTS:**
**See pages 367–369**

La nuna numero enhavas interalie raporton en angla lingvo pri la progreso de nia Movado ekster Britujo. Ni esperas, ke la membroj, kiuj kutimas utiligi nian gazeton kiel propagandilon, trovos tiun ĉi numeron aparte utila por tiu celo. Ni presigas ankaŭ informojn pri kursoj, kies aranĝantoj sendis ilin antaŭ la kutima findato. La oktobra numero enhavos kurs-informojn, kiuj atingos nin antaŭ la 8a de septembro.

# ESPERANTO ĈE LA EDUKADA KONFERENCO

La membroj de la Konferenco de *New Education Fellowship* en Cheltenham, 31 jul.–14 aŭg., venis pliparte el angle-parolantaj landoj. Tamen ĉeestis sufiĉe multaj el aliaj landoj; interalie Esperantistoj el Japanujo, Svislando, Francujo, kaj Nederlando.

Prof. Pierre Bovet, el la Universitato de Ĝenevo, estis vicprezidanto, kaj tre efike apogis nian Aferon. Li diversfoje atentigis pri la valoro de Esperanto, kaj kelkafoje ĝin parolis en la kunvenoj. Krome, li disdonis Esperantan resumon de sia grava prelego pri Religia Edukado. Esperanto trovis lokon en la sekretariejo (sur la literatura budo; kaj en la raporto pri Bryamston Lernejo, kiu enhavis Esperantan paĝan); sur la aviztabulo; kaj en reklamo pri la Universitato Sun Yat-Sen en Kantono. Kelke da butikoj en Cheltenham kaj en Gloucester montris reklamojn en Esperanto.

En la Konferenco okazis ses kunvenoj de Komisiono pri Internacia Kompreno. Tiu Komisiono dediĉis unu matenon al Esperanto. F-ino Nixon faris al ĝi tre valoran raporton pri Esperanta korespondo farita de lernantoj en kvar lernejoj, kaj montris ĝiajn eblaĵojn kaj sekvojn.

Ŝin subtenis la edukada sekretario de B.E.A., S-roj S. Nikkaŭa (Japanujo), H. Hulin (Francujo), L. Boeke (Nederlando), kaj samideano el Hindujo. La Komisiona Raporto (redaktita de Prof. Bovet, D-ro G. Green kaj D-ro P. Chang) diras, kiel la opinion de la Komisiono:

" . . . . A worth-while experiment would be the holding of an international conference, under the direction of the N.E.F., in one of the countries of Europe in which one of the great international languages is not generally spoken or understood. The purpose of the conference would be the discussion of 'Education for International Understanding,' and Esperanto should be used as the sole means of international communication at the conference meetings, lectures and papers being translated into Esperanto solely."

La grupo en Cheltenham kaj la B.E.A. kune aranĝis Esperantan Ekspozicion en ĉefa strato, kaj dank' al granda reklamafiŝo ĝi bone atentigis pri la ekzisto de nia lingvo. Tie oni ne nur ricevis vizitantojn, sed ankaŭ okazigis posttagmezajn kursojn por Konferencanoj. Vespere la loka grupo kunvenis samloke, kaj la ĉambro estis utila renkontejo por samideanoj.

Entute la graveco de la lingva problemo estis ĝenerale sentita, kaj nia lingvo ricevis seriozan kaj favoran atenton: ni certe vidos la frukton en estontaj Konferencoj.

## IN THE CAR—JULY

4, **Harrogate.** Yorkshire Federation.
6, **Rotherham.** Esperanto Group.
8, **York.** Bootham School.
9, **Bishop Auckland.** County School for Girls; Boys' Grammar School.
10, **Halifax.** Heath School.
11–12, **Ackworth.** Friends' School.
13, **Walthamstow.** Sir George Monoux Grammar School.
14, **Romford.** Rylands Senior Boys' School.
15, **Dagenham.** Lymington Road Schools. **Rainham.** Senior Mixed School.
16, **Walthamstow** (as above).
20–24, **Coventry.** Stoke Park Sec. School for Girls.
20, **Leamington.** Southlands School.
21, **Coventry.** Barrs Hill Sec. School for Girls.
22, **Birmingham.** Suffolk St. Central Sec. School.
23, **Leamington.** College for Girls.
24, **Coventry.** St. Dunstan's School.
27, **Romford.** Heath Park Senior School (Girls).
28, **Esher.** Sandgate School.
31–Aug. 13, **Cheltenham** (N.E.F. Conference).

July 4–12 was spent in the north. At the Yorkshire Federation Conference the new Rotherham Group was strongly in evidence; it invited the next Conference to Rotherham. At Bootham and Ackworth schools a talk was given not only to classes, but also in the Meetings of Worship; in Ackworth some 350 were present. Esperanto students in both Bishop Auckland schools competed for the B.E.A. School Prizes (particulars from the Education Secretary); six prizes were awarded (six classes being examined).

A talk to 70 Seniors in Walthamstow brought an invitation to address 250 juniors later in the week. At Hylands we had 120 boys; at Rainham 200 mixed; at Heath Park 360 girls. At Heath Park our member, Mr. G. W. Butler, from Jamaica, addressed the children in Esperanto.

The week in the Midlands was unusually interesting. At Stoke Park for 2½ hours every morning we conducted an intensive course for the whole school (300 girls), sometimes together, sometimes in two sections of 150 each. They were very apt learners, and it was a delight to teach them. Nearly all bought a text-book. On the last two days Esperanto hymns were sung at the morning service. We left knowing that in Coventry there are now 300 girls who have some elementary knowledge of the language, and we believe they will not soon forget it. The 200 senior girls at Barrs Hill, and 150 senior boys at Birmingham, were also equally interested.

# LA XXVIIIa KONGRESO EN VIENO

*La Aŭstria Ĉefurbo gastigis de la 8a ĝis la 15a de aŭgusto la 28an Universalan Kongreson de Esperanto, sub la alta protektado de lia Moŝto Prezidanto Wilhelm Miklas. La Viena ĵurnalo* REICHSPOST *ĉiutage portis tutan paĝon en Esperanto, kun raportoj pri la Kongreso. El tiuj paĝoj ni ĉerpis la kronikon, kiu aperis ĉi-sekve, pri la unuaj kvar tagoj de la Kongreso. Nia venonta numero enhavos raporton pri la ceteraj tagoj, kaj pri la postkongresa vojaĝo "Tra Aŭstrio."*

**La Komenco**

Sabato, la 8a de aŭgusto . . .

Estas ankoraŭ malluma nokto kaj pluvado, monotona pluvado frapas la vitrojn de la fenestroj. Ĉu la kongreso komenciĝu dum pluvo ?

Estas la sesa. En la kongresa oficejo regas jam vigla vivo. Preskaŭ ĉio jam estas ordigita, sed la oficejo devas ankoraŭ transloĝiĝi suben en la halojn kaj koridorojn de la kongresejo.



**La Kongresejo : Neue Hofburg**

8 h : La oficejo jam komencas iom post iom funkcii. Ĝi estas ankoraŭ malplena, sed jam venas diversaj gesamideanoj. En angulo samideano poŝtinspektoro Sykora malfermas la kongresan poŝtoficejon ; en proksimeco sidas S-ro Newell, S-ino Linz, F-inoj Russmayr kaj Falk kaj S-ro Werner kaj eldonas seninterrompe la kongresaĵojn, teatrobiletojn, donas informojn ktp. Sed la vera "koro" de la kongreso "batas" pli malantaŭe en la oficejo. Tie L.K.K.-prezidanto, kortega konsilisto Steiner regas kaj laboregas kune kun siaj filoj, S-ino Werner, F-ino Hojtasch, dume D-ro Pfeffer estas la nelacigebla informanto kaj helpanto tie, kie necesas.

10 h : Jam pleniĝas la flankaj koridoroj. Francoj venas, angloj, svedoj. Oni intersalutas sin, ĝoje renkontas malnovajn konatulojn kaj jen—mirakla okazaĵo dum Esperantokongreso—oni aŭdas preskaŭ nur Esperanton !

Intertempe la pluvo ĉesis, la nuboj maldensiĝas kaj la verda flago sur la masto antaŭ la kongresejo ĝoje flirtas en vento. La suno aperas : ĝi brilu ankaŭ dum la tuta kongreso, ke en ĝi regu vera Esperantista harmonio kaj kompreno !

**Inaŭguro**

Apenaŭ ekzistas ie en la mondo pli impona salonego ol la festsalonego Neue Burg, kie sabaton, la 8an de aŭgusto, okazis la inaŭguro de nia ĉi-jara mondfesto.

Ĝi estis bele ornamita per la koloroj de Aŭstrio — ruĝa-blanka-ruĝa — kaj la ŝtata altinsigno de la gastlando. Sed la rigardon de la eniranto tuj ekkaptis ora laŭrokrono granddimensia kun enmeza verda stelo. La salonego brilanta en la lumo de multcent elektraj lampoj estis plenplena de feste vestitaj samideanoj kaj gastoj.

Je la 20 h eksonis la Aŭstria Nacia Himno, dum kies sonoj Vickanceliero Baar-Baarenfels kaj ministro Fritz Stockinger, en kies mezo iris la Prezidanto de LKK Kortega Konsilisto Hugo Steiner, kun sekvantaro eniris la festsalonegon kaj iris al siaj sidlokoj.

S-ano Steiner ekparolis, dirante, ke LKK transprenis la inviton, prepari la kongreson kaj faris sian eblon, kaj petis la reprezentanton de la registaro, inaŭguri la 28-an.

Supreniris la estradon lia Ekscelenco, Vickanceliero de Aŭstrio, Baar-Baarenfels, sur lia maldekstra brustflanko portanta la kongresinsignon, kaj diris, ke li ricevis la honorigan ordonan flanke de la aŭstria registaro saluti la kongreson kaj inaŭguri ĝin. Aŭstrio ĉiam subtenis kulturaferojn, ĉar ĝi estas destinita laŭ sia geografia situo esti kultura centro en Mezeŭropo. Ĝi speciale subtenas Esperanton, ĉar tiu unuavice deziras, kiel Aŭstrio, esti ligilo inter la popoloj. Kun la Esperanto-vortoj : "Mi kore salutas vin en Aŭstrio kaj deklaras la 28-an malfermita," la vickanceliero kun grandega aplaŭdo finis sian paroladon.

S-ano Werner, LKK-ano, tradukis la paroladon germanlingven.

Sekvis vortoj de nia altŝatata Prezidanto de UEA Generalo Bastien, kiu laŭtlegigis la liston de la elektota kongresestraro :

Prezidanto Kortega Konsilisto Hugo Steiner, Vicprezidantoj: Aŭstrio: sekcia ĉefo D-ro Uebelhör kaj dir. Schamanek, Polujo: Univ.-Prof. D-ro Odo Bujwid, Belgujo: D-ro Kempeneers, Ĉeĥoslovakujo: Mag. Höfert, Francujo: Prof. Waringhien. Ĝen. Sekr.: Direktoro de UEA, C. C. Goldsmith, Sekretarioj: Dir. Haager kaj E. Werner.

Per aplaŭdo oni aklamis la elekton kaj tuj Prezidanto Steiner ekparolis, dankante en la nomo de la estraro kaj salutante la ĉeestantojn. "Nia altŝatata Federacia Prezidanto S-ro Wilhelm Miklas, for de Vieno je ferioj, salutigis nin per letero, dirante, ke li ĉiam ŝatis nian movadon kaj ankaŭ dum sia tuta regantperiodo subtenis. Li transprenis la protektorecon de Internacia Esperanto-Muzeo kaj ankaŭ de ĉi tiu kongreso de la Esperantistoj. Li petis, ke mi transdonu al vi ĉiuj, karaj gastoj liajn verkorajn salutojn! (grandega aplaŭdo!). Prez. Steiner daŭrigis sciigante, ke ankaŭ Kanceliero D-ro Kurt von Schuschnigg estas je forpermeso kaj petas akcepti de li bonvenajn salutojn kaj deziron je bona sukceso. De la aliaj ministroj nur restis aparte en Vieno nia en la Esperantistaro jam fama favoranto de nia movado Ministro por Komerco kaj Trafiko Fritz Stockinger, ankaŭ ornamita per la kongresinsigno.

Fine la prezidanto salutis la reprezentanton de la fora Urbestro de Vieno, iama Vickanceliero Richard Schmitz, kaj aliajn subtenantojn.

Steiner parolis pri la granda subteno, kiun trovis la prepara komitato flanke de ĉiuj instancoj, unuavice flanke de Ministro Stockinger kaj Urbestro Schmitz.

Li krome asertis, ke la Komitato faris sian eblon por feste aranĝi la 28-an kaj agrabligi la restadon en Vieno kaj Aŭstrio.

Sekvis alparoladoj de la reprezentantoj de la registaroj Greka, Nederlanda, Bulgara, Hungara, Brazila, Unuiĝintaj ŝtatoj de Nordameriko.

Poste alparolis reprezentantoj de la Landaj Organizoj (por Britujo S-ro Oliver).

Poste Ludwik Zamenhof, la nepo de nia Majstro, kune kun D-ro Bujwid, la kunstudento de Zamenhof, alportis la historian flagon de la 1a Kongreso en Boulogne-sur-Mer (1905) kun la subskribo de D-ro Zamenhof. Dume eksonis la Esperanto-Himno.

Kiel lasta parolis Leo Belmont, nia pola poeto, la festparoladon.

La plej grandan parton Radio-Vieno prenis sur diskojn kaj disaŭdigis ilin dimanĉe je la 14 h 30.

Krome Radio ĉiutage disaŭdigis la programon.

Sekvis rigardo de la fea iluminigado de la Urbdomo je honoro de la kongreso.

Poste interkonatiĝvespero, kiu daŭris ĝis post meznokto en la belaj ejoj de Hofburg.

## Katolika Diservo

Dimanĉon, la 9an de aŭgusto, okazis en la impona Votiv-preĝejo Esperanto-Diservo, kiu estis sendube la plej grandioza kaj impona el ĉiuj ĝisnunaj.

Lia Eminenco Kardinalo D-ro Innitzer aparte venis el Kranichberg, lia libertempejo, por celebri la Sanktan Meson.

Ministro por Komerco Fritz Stockinger kaj aro da eminentuloj atendis la Kardinalon antaŭ la preĝejo kaj la Aŭstria Himno estis ludata same kiel ĉe la antaŭa alveno de Ministro Stockinger.

Aro da eklezianoj kondukis la ĉefepiskopon en la preĝejon. La polica orkestro ludis la Germanan Meson de Schubert.

La Esperanto-predikon faris P. Carolfi el Italujo.

Post la Diservo okazis fotografado antaŭ la preĝejo.

Poste la polica orkestro marŝis sur Ring ĝis Placo de la herooj, ludante marŝojn kaj sekvate de milkapa Esperanto-popolo.

Antaŭ Monumento al la Herooj ĝi ludis "La bonan kamaradon" dum Prez. Bastien kaj Steiner metis florkronon sur la tombon de la Nekonata Soldato. Poste ili ludis la Aŭstrian Himnon kaj la Esperanto-Himnon.

Generalo Bastien parolis jenajn vortojn ĉe la tombo: "Al vi nekonataj soldatoj ni metas florkronon. Vi mortis por via patrujo kaj nun estas unuigitaj kun la mortintoj de aliaj landoj. Laŭ niaj idealoj ne plu estu milito. Ni ĉiuj laboru por ĉi tiu celo kaj tio estu la plej grava rekono por via viktimeco."

Poste Generalo Bastien dankis al la orkestro pro ĝia sindona laboro por nia kongreso.

## "La Blanka Ĉevaleto"

En Wolfgang apud la lagobord'
Atendas feliĉ' ĉe la pord'
kaj vokas "Bonan matenon!"
Eniru, forgesu ĉagrenon . . .

Ni diru ĝin antaŭe: ĝi estis sukceso, plena sukceso. La teatraĵo ja estas sufiĉe konata kaj oni eĉ povis paroli pri triumfa venko, venko, kian oni dezirus al nia afero!

La prezentado okazis dimanĉon vespere en Raimund-teatro, teatro ŝajne malgranda, sed kiu tamen prezentis lokon por 1500 personoj. Antaŭ la prezentado do regis atendema bonhumoro en la plenplena domo. Granda parto de la vizitantoj estis feste

vestitaj kaj speciale la sinjorinaro brilis per natura kaj vestaĵa beleco. Oni ne estis senzorga : oni sciis, ke la geaktoroj estas neesperantistoj, kiuj eble ne plene regas la lernitan tekston.

Do, estis pli-malpli atendema silento, kiam la orkestro komencis la uverturon kaj la kurteno leviĝis.

Sed jen, la mienoj heliĝis, kiam la geaktoroj komencis la babiladon en Esperanto. Vere, tian Esperanton, kian prezentis ĉi tiuj neesperantistoj, oni dezirus aŭdi ĉiam en la kunsidoj de la kongreso !

Jam de la unua momento gajnis la ĉarma leterportistino Kathi (Mia Kainz) la koron de la kongresanoj ; ŝia natureca ludado, ŝia hela, kvazaŭbirda kantado kaj jodlado estis plaĉegaj.

Kiu ne kun plezuro rememoras pri la ploranta ridado de la kelnerparo aŭ pri la raviga konduto de Klärchen dum la amdeklaro sur la benketo en la arbaro ? Vere, nenio, ol la impreso, kiun tiuj scenoj faris al la ĉeestantaro, pli bone pruvas, ke Esperanto estas vivanta lingvo !

La enhavo de la teatraĵo ja ne estas multesignifa kaj la muziko ne estas "serioza." La kongresa komitato estus povinta prezenti Mozart - operon aŭ Bruckner-koncerton. Ne mankis kaj ne mankas tipe aŭstriaj komponistoj de serioza muziko en la lando, sed LKK deziris montri al la ŝatata kongresanaro la aŭstrian popolon kaj la aŭstrian vivarton kaj vivmanieron, konatan en la tuta mondo, kiuj estas enkorpigitaj en ĉi tiu opereto. Ralph Benatzky, kies kanto "Mi ree devas esti foje en Grinzing" transpasis la limojn de multaj landoj, skribis la muzikon. Ĝi fariĝis tiom populara, ĉar ĝi devenis el la popolo.

Sed ne nur la orelo, ankaŭ la okulo estis ravata. Junaj dancistinoj en multvariaj kostumoj prezentis ekzakte dancojn kaj la naciaj dancoj de la junuloj certe ankaŭ plaĉis. La kulminacia sceno de la opereto estis la alveno de la imperiestro (Paul Gerhardt). Kiam la grupoj de St. Wolfgang, Mondsee, Gmunden, Linz kaj aliaj envenis, ili estis multe aplaŭdataj.

Post fino de la prezentado la aktoroj ricevis florojn kaj la prezidanto de LKK esprimis al ili la dankon de la ĉeestantoj. Kelkaj promesis, plene lerni Esperanton. Ni esperas tion !

Anoj el 35 nacioj aŭdis en unu lingvo la "Blankan Ĉevaleton," ili forgesis por kelkaj horoj siajn zorgojn.

## XIa Somera Universitato

Lundon, la 10an de aŭgusto, okazis en Nova Salonego de Hofburg la solena inaŭguro de la ĉiujare okazanta Somera Universitato. La kunsidon malfermis kaj prezidis Prof. D-ro Odo Bujwid (Krakovo).

La serion de la referatoj komencis S-ro Inĝ. Isbrücker (Hago), sendito de Nederlanda Registaro ; la oratoro skizis la kulturajn kaj ekonomiajn rilatojn, kiuj interligas Nederlandon kun Mezeŭropo. Sekvis parolado de registara konsilisto Artur Müller de Aŭstria Asocio de Ligo de Nacioj, kiu paroladis pri "Necesaj kulturaj kaj ekonomiaj rilatoj en Eŭropo."

La parolado de Inĝ. Pawlos Gianelia, reprezentanto de la greka registaro, pritraktis la modelan reformon de impostoj.

Kvara parolis S-ro Scherer (Los Angeles) pri la temo : "Per unu lingvo tra la mondo." Li priparolis la fakton, ke parolante angle, oni tute ne povas vojaĝi sen malhelpoj tra la mondo kaj ke oni bezonas Esperanton, kiu ne nur malfermas la pordojn, sed ankaŭ la korojn de la homoj. La parolanto menciis kiel ekzemplon sian mondvojaĝon kaj la familian akcepton, kiun li havis precipe en Japanujo. Fine paroladis magistro Höfert (Znaim) pri la temo "Ex oriente lux—el Mezeŭropo savo." El oriento venis Kristo, kiu alportis la lumon. Sed la Kristanismo jam 2000 jarojn vivas, tamen ĉie regas malpaco. La preleganto menciis, ke devis veni Zamenhof, kiu interligis la homojn per komuna lingvo por la interpersonaj rilatoj kaj nur post la venko de la Esperanto finiĝos la tempo de bataloj.

Je la 11a finiĝis la paroladoj. La daŭrigo de la prelegoj de Somera Universitato okazis merkredon per paroladoj de D-roj Kalocsay kaj Kamaryt.

## Akcepto en la Urbdomo

La kongresa programo entenis por mardo unue katolikan diservon en Minoriten-preĝejo, poste okazis laborkunsido, kiu estis bone vizitata. La temo, nome la transloĝiĝo de UEA al Londono, kaŭzis sufiĉe viglan diskuton inter la ĉeestantoj, kio pruviĝis per la granda nombro de la pledantoj por kaj kontraŭ la transloĝiĝo. Pro la longdaŭra diskutado la respondo de multaj demandoj estis prokrastata ĝis la venonta kunsido.

Tagmeze la kongresanoj estis akceptataj en la urbdomo de la reprezentanto de la urbo Vieno, Supera Senata Konsilisto D-ro Maly. La filino de la majstro transdonis al li arĝentan kongresinsignon, kiun li kun danko akceptis ; duan insignon li promesis doni al la urbestro. D-ro Maly bonvenigis la kunvenintojn en nomo de la urbo Vieno kaj esprimis la deziron, ke ili jam rigardis

la urbon kaj ĝian belegan ĉirkaŭaĵon. Vieno estis ĉiam urbo de arto kaj scienco, kaj ankaŭ kultura centro, kiel atestas la konstruaĵoj, monumentoj, sciencaj kaj kulturaj kolektaĵoj. Situanta inter nordo kaj sudo, inter oriento kaj okcidento, Vieno estas la centro de interpopola paciĝo kaj kontentigo. Samcele servas Esperanto, tial Vieno havas multan komprenon por ĝiaj celadoj. La parolanto finis, dezirante, ke la kongreso estu mejloŝtono sur la vojo al fina venko.

Ekparolis nun la Prezidanto de UEA, Generalo Bastien. Post dankaj vortoj li konfesis, ke, veninte al Aŭstrio kaj speciale al Vieno, li sentis, kvazaŭ ĉiu parolas Esperanton. Vieno estas vera grandurbo, kaj estu plej granda laŭdo, ke li komparas tiun urbon kun Parizo.

La reprezentanto de la urbo poste deziris interkonatiĝi kun anoj el la diversaj nacioj. Prezidanto Steiner tion faris.

Fine okazis rigardado de la salonegoj de la urbdomo kaj komuna fotografado en kaj antaŭ ĝi.

## HEROLDO DE ESPERANTO

Pro la deviga likvido de Esperanto-institucioj en Germanujo (raportita en nia aŭgusta numero), ankaŭ *Heroldo*, kiu dum multaj jaroj estis esenca elemento de nia Movado, devis ĉesigi sian aperadon. Por ĝin anstataŭigi, la Nederlanda Esperanto-Centro en Rotterdam eldonas semajnan gazeton *Esperanto Triumfonta* — antaŭa titolo de *Heroldo* — interkonsente kun la antaŭa eldoninto, kiu esperebie povos post nelonge transpreni la eldonadon.

*E.T.* estas abonebla ĉe B.E.A., po 3ŝ. 9p. por tri monatoj.

## WHAT IS ESPERANTO?

The Week-End Section of each Saturday's issue of the *News Chronicle* contains a "Current Affairs Test," in which readers are invited to select out of five possible answers, the correct answer to each question. A recent issue contained the following :

> An Esperanto Congress took place last week at Manchester. Esperanto is (1) a universal language, (2) a new form of shorthand, (3) a system of rhythmic dancing, (4) an offshoot of Buddhism, (5) healing by faith.

# FROM NEAR AND FAR

**International Co-operative Magazine.**—The first number has just appeared of *Ĉielarka Standardo* (Rainbow Banner), a monthly magazine published in Warsaw. It is entirely in Esperanto, and contains authoritative articles on all aspects of the Co-operative Movement. A free specimen copy may be obtained on application to the publishers : "Spólnota Pracy," Warsaw, ul. W. Górskiego 6, Poland.

**Ultimate Religion.**—The World Fellowship of Ultimate Religion, 14E, 28th Street, New York City, U.S.A., is using Esperanto for international negotiations and has a special Esperanto department. The Fellowship is a world-wide organisation which exists to foster a scientific religion.

**Yugoslav Postal Journal.**—The official organ of the Yugoslav Postal Workers' Association, *Jugoslavenska P.T.T.* regularly contains half a page of professional news in Esperanto. All interested should write to S-ro Nikola Lisac, Direkcio de P.T.T., Sarajevo, Yugoslavia.

**Trade Fairs.**—The Organisers of the Vienna Fair have again published an attractive illustrated folder in Esperanto, to advertise this year's Fair, 6th to 13th September. Copies are obtainable from Wiener Messe, Messepalast, Vienna.

The International Fair of Marseilles, which has also been using Esperanto for four years, will take place this year from the 19th September to the 5th October. Esperanto posters and stickers, and full information about the Fair, may be obtained from Foire Internationale, Esperanto-Fako, 7 Quai des Belges, Marseilles, France.

**Dunkerque.**—We have received a copy of the new edition of the Official Guide to this important French seaport. Although mainly in French, this comprehensive illustrated booklet contains two pages of information in Esperanto. Write to Esperanto, B.P.192, Dunkerque, for a free copy.

**The Callender Gazette.**—This interesting bi-monthly magazine, the organ of the staff of Callender's Cable Co Ltd., has for some years contained a regular Esperanto feature, edited by Mr. A. W. Thompson, F.B.E.A. (Avoto). The magazine has a circulation of about 800, and reaches electricians outside the firm of Callender's.

# THE PROGRESS OF ESPERANTO ABROAD

**DURING the past year, Esperanto has continued its steady progress throughout the world. We give below some of the more outstanding examples of recent successes of the language in various countries.**

**Austria.** Numerous illustrated folders have been published this year, advertising the tourist attractions of different regions, including a guide to Vienna and a 32-page booklet on Austria itself.

Esperanto classes are held under official auspices for railway and police workers in Innsbruck. Esperanto is taught at the Consular Academy in Vienna, and the Ministry of Education has issued a decree permitting the teaching of Esperanto in normal schools. The most important Commercial School in Austria, the Hochschule für Welthandel, with university status, instituted a Chair of Esperanto as from last autumn. The Trade Fair of Vienna advertises in Esperanto. The Chamber of Commerce of Vienna, in its official publication *Liste der Warenneuheiten*, in addition to four national languages, contains an Esperanto column. The Austrian postal authorities, in their official lists of railway time-tables and postal 'buses, add explanations in Esperanto.

The postal authorities have issued a series of 50 official post-cards with pictures of 50 Austrian places of interest, and explanatory text in German, French, English, and Esperanto.

The Twenty-eighth Universal Esperanto Congress was held in Vienna this year under the direct auspices of the Government.

**Belgium.** The International and Commercial Fair of Bruges uses Esperanto for correspondence and publicity. The Organisers of the Brussels Universal Exhibition issued a prospectus in Esperanto.

King Leopold III is the Honorary President of the Belgian Esperantist League.

**Brazil.** The Rio de Janeiro Samples Fair uses Esperanto for correspondence. On the occasion of the 8th Fair, last year, a special 200 Reis postage stamp was issued with the wording in Portuguese and Esperanto. Two sets of official postcards have been published with text in Esperanto.

The short wave wireless station, Rio de Janeiro, P.R.F. regularly broadcasts in Esperanto.

A copious Portuguese-Esperanto dictionary was published early in 1936 with the support of many eminent people, and was printed by the State Printing Office.

The well-known monthly journal of the Geographical Society of Rio de Janeiro contains Esperanto resumés of all articles.

**Czechoslovakia.** The Reichenberg Fair has an Esperanto Department to assist foreign visitors by means of information and translation.

Special Esperanto courses are held for gendarmes, in the Gendarmes School, Prague.

The State Railways have issued a series of illustrated monographs for tourists. A folder guide to Prague, with illustrations and useful information for tourists, has recently been published.

**Denmark.** The Danish Tourist Union encourages the learning of Esperanto by sightseeing guides. The Union has published an illustrated folder in Esperanto to advertise the attractions of the country.

International Holiday Courses in Esperanto were held this summer in the well-known International High School, Elsinore.

A firm of seed growers in Copenhagen have used Esperanto for a summary of the contents of the Annual Report of their Phytopathological Laboratory.

**Estonia.** For publicity, and during the holding of the National Song Festival in 1933, Esperanto occupied a very important position. It has been used for several years by the Estonian Wireless Stations to give regular talks on national life and culture.

**Finland.** The Tourist Association of Finland has published an artistically illustrated folder in Esperanto on "Finland, the Land of 60,000 Lakes."

**France.** Esperanto is officially taught to airmen at the School of Aviation under the auspices of the Air Ministry. About a dozen local authorities have passed resolutions favouring the teaching of Esperanto in schools.

Esperanto is regularly used by the International Fairs of Paris, Lyons and Marseilles for publicity and correspondence. The Paris Fair has an Esperanto information office. The official guide to the Paris Underground Railway contains a page of explanatory matter in Esperanto. Notices in Esperanto are displayed in two of the Paris railway termini, and the Marine station at Dunkerque. An increasing number of towns are naming streets after Dr. Zamenhof, the author of Esperanto.

**Germany.** Early in 1936, membership of Esperanto Organisations was forbidden by Government decree, to members of the N.S.D.A.P. This was followed by the compulsory liquidation of the German Esperanto Association in July, and a ban on all public activity for Esperanto.

**Greece.** The study of Esperanto is officially encouraged by the Education Ministry, a special circular to this effect having been addressed to school inspectors and principals.

**Holland.** The Postal Authorities give special facilities to those of its staff who know Esperanto. The Netherlands Railway administration has given permission for enamel notices bearing a green star, the word "Esperanto" and the address of the local representative of the Universal Esperanto Association, to be displayed in stations. The railway staff are encouraged to learn Esperanto. Three official Police Court Interpreters in Esperanto have recently been appointed. Special Esperanto classes for policemen are held in Rotterdam.

Esperanto has been added to the languages used in a prospectus of motor-bus tours round Rotterdam, published by the Tramway Authorities and the Tourist Union. The attractions of the Hague are advertised by means of a street plan with information in Esperanto. The weekly illustrated workers' paper *Wij* supplies Esperanto captions to the pictures on its international page. The magazine *De Nieuwe Eeuw* prints part of its humorous section in Esperanto. The important weekly, *Haagsche Post*, has a regular Esperanto column.

**Hungary.** Sets of lantern slides with Esperanto captions have been issued by a film company in Budapest to illustrate the attractions of Hungary. The Hungarian Boy Scout Association encourages the study of Esperanto. The International Fair of

Budapest uses Esperanto for publicity and correspondence. The Hungarian-Italian Bank and the Hungarian General Credit Bank both include Esperanto in the languages used for correspondence.

**Italy.** Two excellent guide books have been published by the Touring Club Italiano, on "Rome and its Neighbourhood" and the "Lombardy Region." Also, two books written by Mussolini have been translated into Esperanto.

The Universal Esperanto Congress, 1935, was held in Rome and arranged to combine a tour of several principal towns of Italy including also an extension to Tripoli.

Esperanto tourist talks are broadcast by the Rome wireless station several times weekly.

**Japan.** The great number of Esperanto periodicals published in Japan is evidence of the intense activity in that country.

**Spain.** The Tourist Office of Valencia has published an attractive folder with artistic coloured pictures captioned in Esperanto.

Propaganda bulletins in Esperanto were sent out in connection with the Civil War.

**Sweden.** Esperanto life is very active in Sweden. The Swedish International Press bureau issues its weekly news and information bulletin for abroad also in Esperanto. The Esperanta Turista Komisiono is a successful enterprise which organises tours to Estonia in particular, also on occasions to other countries.

Esperanto has recently held first place for the number of participants in language courses arranged by the Swedish Workers Educational Association (A.B.F.)

A book in Esperanto entitled "A Hindu looks at Sweden" has recently been published by the flourishing Esperanto Publishing Association of Sweden.

**Yugoslavia.** The travel agency "Putnik" uses Esperanto for tourist prospectuses.

The Ministry of Public Instruction, by a special decree, has authorised the teaching of Esperanto in all middle schools and teachers' colleges in the Danubian region of Yugoslavia.

## ESPERANTO CLASSES IN LONDON

**John Woolman Educational Settlement,** Memorial Buildings, Roscoe St., E.C.1. *Elem.* Mon. 7.30–9.30. Commence Sep. 28.

**"Marylebone" Commercial Institute,** Upper Marylebone St., Gt. Portland St., W.1. *Elem.* Tue. 7.15–9.15. Commence Sep. 29.

**Goldsmiths' College** (University of London), Lewisham High Rd., New Cross, S.E.14. *Elem.* Wed. 7.30–9.30. Commence Sep. 23.

**"Balham and Tooting" Commercial Institute,** Tooting Broadway, S.W.17. *Elem.* Thu. 7.40–9.40, *Adv.* Fri. 7.40–9.40. Commence Oct. 1/2.

**Bow and Bromley Commercial Institute,** Coborn St., E.3. *Elem.* Mon. and Thu. 8.30–9.30.

*For full details apply to the institutes concerned.*

**The City Literary Institute** will hold classes in co-operation with the London Esperanto Club. For particulars write to the Club Secretary, 1 Crofton Road, E.13.

# WHY LEARN ESPERANTO ?

**Esperanto is the international auxiliary language.** The need for a common tongue for world-wide use is increasingly urgent. Esperanto meets it.

**Esperanto fulfils every requirement.** It is neutral, and belongs to no nation or party. It is international, logical, and musical. It is easy to learn and to speak (the grammar will go on a postcard, there are few rules and no exceptions, the spelling is phonetic, and the accent invariable). Moreover,

**Esperanto works.** It is no untried project. During 50 years' world-wide use, it has never been found wanting. It is "the living language of a living people".

**Esperanto is supported by important international bodies and by men of eminence.**

**Esperanto breaks down the language barrier** which is one of the chief obstacles to international understanding. It thus paves the way to world friendship.

**Esperanto gives one friends in every country.** It brings one into first-hand touch with men of other nations in a way impossible without it.

**Esperanto solves the language problem at international congresses,** where it means increase in efficiency, and a saving of time, trouble, and expense.

**Esperanto creates a taste for learning other languages.** Being "language essence", it forms a royal road to their acquirement. It smooths the path alike of teacher and of pupil.

**Esperanto improves the student's knowledge of English.**

**Esperanto aids the study of grammar.** Its distinctive terminations serve the purpose of colour parsing.

**Esperanto has a definite cultural value.** It promotes clarity of thought and expression.

**Esperanto unlocks new worlds of thought and experience,** and broadens the mind.

**Esperanto saves labour, time, and money** otherwise spent on translations, interpreters, and never-ending language grind.

**Esperanto has a large and growing literature,** both original and translated, of prose and poetry. It is a literary language of a high order, with a genius of its own.

**Esperanto is unrivalled as a means of translation.** It is a key to much of the world's best literature.

**Esperanto has some hundred magazines,** dealing with a wide range of subjects, with contributors and readers from all nations.

**Esperanto is a boon to the traveller, the business man, the scientist, the collector, the student, the propagandist: in short, to everyone with international interests.**

# ANGLOJ ALILANDE

## B.E.A.-KARAVANO AL MALO-LES-BAINS

De F. Harry Messer

Sabaton la 4an de julio mi staris sur la kajo en Victoria-stacidomo, kaj mi devas konfesi, ke mi iomete timis, ke la okazonta B.E.A.-libertempo en Malo-les-Bains estos por mi ne tiel ĝuinda, kiel tiu, kiun mi pasintjare partoprenis en la sama loko. Mi vere ne povis kredi, ke tio povas esti. Sed mi eraris. Mi estas certa ankaŭ, ke ĉiu partopreninto—de la 84-jara sinjoro el Rochdale ĝis malgranda "Molly," kiu havas nur 4½ jarojn—treege ĝuis ĉiun momenton.

Post trankvila martransiro ni alvenis en Dunkerque tre frue matene, kaj tri francaj gesamideanoj jam atendis por bonvenigi nin. Tio bone montras la entuziasmon de la Dunkerkanoj. Atinginte nian hotelon "Filet de Sôle" (kiun mi ne povas tro laŭdi), ni trovis, ke du nederlandaj samideanoj jam alvenis. Ili estas tre ĉarmaj kaj afablaj geedzoj, kies kuraĝon ni multe admiris, ĉar kiam la nederlanda karavano fiaskis, ili decidis veni solaj. Ankaŭ, en alia hotelo, estis ĉeĥoslovakino. Do, kun la francoj kaj belgoj ni vere estis internacia rondo, ĉu ne?

Nia karavanestro estis la gaja "Pomo" el Cheltenham. Ĉu necesas, ke mi aldonu al tio. La ekskursoj: unu al Oostduinkerke, kie nin kore akceptis S-ro Benoit, kaj alia al bela Bruĝo, kie la ĉarma F-ino Thooris prezidis ĉe la lunĉo en la "Cornet d'Or," kaj posttagmeze aliaj samideanoj kondukis nin en la urbo kaj sur la kanaloj. Alia tre interesa vizito estis tiu al la haveno en Dunkerque, kun S-ro Houzé kiel nia lerta gvidanto.

Ankaŭ la vesperoj estis gajaj. Oni aranĝis socialan vesperon, kaj ankaŭ dancon, en la hotelo, kaj invitis la francojn. Tiuj, kiuj jam unu fojon vidis la Dunkerkan dancon, neniam forgesos ĝin. La semajno finiĝis per koncerto prezentita de la francaj samideanoj en la Kursaal, de kiu ni devis forrapidi por trafi la ŝipon, kiu portis nin hejmen.

Mi devas aldoni ĉi tion: se vi iam povos partopreni ferio-karavanon de B.E.A., ne hezitu. Mi garantias, ke vi neniam bedaŭros tiun decidon.



## ESPERANTISTO EN U.S.S.R.

De Thomas Aldworth

Kvankam mi aĉetis mian unuan Esperantan lernolibron antaŭ tri-kvar jaroj kaj akiris la B.E.A.-diplomon en 1934, mi neniam renkontis alilandan Esperantiston ĝis mi vizitis Sovetion lastan junion. Do, kiam mi elŝipiĝis en la haveno de Leningrad mi demandis al mi, ĉu mi renkontos Esperantistojn—kaj ĉu mi povos al ili paroli?

Imagu, do, mian surprizon, kiam ĉe la impostejo klara voĉo alparolis min: "Bonan tagon, Kamarado Aldworth! Mi estas K-do Majzel, sekretario de Leningrada S.E.U." Ho! kiel ni babiladis, kiel feliĉa mi estis, ĉar mi povis paroli senĝene kun alilandulo, kies lingvon mi ne parolas! Estis kelkdek angloj kaj usonanoj, kiuj vidis nian renkontiĝon, kaj kiuj jam sciis, ke mi estas Esperantisto, ĉar sur la ŝipo mi estis farinta propagandan paroladon pri la lingvo; kaj nun sur la haveno ili vidis praktikan ekzemplon. Unu persono el Hull, kiu eklernis la lingvon sub mia instruo sur la ŝipo, havis sian unuan rektan parolon kun alilandulo, kvankam li jam vojaĝis en kelkaj landoj.

Poste, ĉe kunveno de Leningradaj Esperantistoj, oni elektis min dumviva membro de S.E.U., kaj informis min, ke mi fariĝos gasto de la Unio dum mia restado en la urbo. Vere la kamaradoj traktis min, kiel reĝon,

kaj mia propra parolflueco surprizis min, ankaŭ la facileco de nia konversacio. Mi restis sep tagojn en Leningrad, kaj vizitis fabrikojn, kiujn ordinara turisto ne povas vidi sen speciala permeso : mi iris senpage al kinejoj, teatroj, per taksioj al kunvenoj kaj festoj. Vere mi neniam forgesos la gastamon, la helpemon, kaj la afablecon de K-do Majzel kaj la aliaj Leningradaj Esperantistoj.

En Moskvo mi vizitis la ekspedejon de S.E.U. kaj renkontis kelkajn Esperantistojn, kiuj laboris sub gvidado de K-do Incertov. Dum du aŭ tri horoj mi defendis, kiel S.A.T.-ano, la vidpunkton de S.A.T. rilate la unuec-frontan proponon de S.E.U. kaj I.P.E. Unu knabo-studento akompanis min, kaj de li mi multe lernis pri la altlerneja sistemo en Sovetio. Por poste memorigi min pri mia vizito, la kamaradoj donacis al mi albumojn por poŝtkartoj, bildojn, librojn, k.t.p. Unu knabino donacis belan notlibron, kaj estis tre feliĉa ricevi mian B.E.A.-insignon.

Mi revenis hejmen kun admiro por la soveta sistemo kaj dankemo al la Esperantistoj, ĉar sen ili mi tre baldaŭ enuiĝus pro la lingva malhelpo. Ekzemple : en la hotelo mi deziris tagmanĝi kaj mi mendis supon en la lingvoj angla, Esperanta kaj franca, tamen oni alportis al mi . . . . glaciaĵon !

### EN PORTUGALUJO

De Fred Parker

Mi ĵus revenis de Portugalujo, kie, kun mia edzino, mi pasigis preskaŭ tri semajnojn kiel gasto de Esperantista policano.

Ĝi vere estis "Esperanta" libertempo por ni, ĉar la tutan tempon ni estis devigataj uzi la karan lingvon por interparoli kun la portugaloj. Mi mem vizitis kelkajn Esperantistajn grupojn en Lisbono, kaj faris paroladojn al la anoj. En unu grupejo mi faris lecionon pri la sufiksoj al preskaŭ 30 studentoj, tute en Esperanto, ĉar mi ne komprenis la portugalan lingvon kaj ili ne komprenis la anglan. Tamen dum pli ol unu horo mi tenis la atenton de la studentoj.

Pere de S-ro Saldanha Carreira, la Ĉefdelegito de U.E.A. en Portugalujo, mi vizitis du el la ĉefaj ĵurnal-oficejoj en Lisbono. Tie oni intervjuis min, kaj la proksiman tagon aperis en la ĵurnaloj artikoletoj pri la vizito de Ges. Parker al Portugalujo.

Ankaŭ ni vizitis lernejon por blinduloj, kie troviĝis entuziasma Esperanto-grupo. Entute mi tre plezure surpriziĝis, renkontante tion da samideanoj en Lisbono.

## XVI-A KONGRESO DE S.A.T.

Al la Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda en Manchester, 2–7 aŭg., aliĝis 200 personoj el 16 landoj. La Kongreso estis ĉiaflanke granda sukceso kaj por SAT kaj por la Esperanto-Movado ĝenerale.

Aparte interesa estis la Radia Elsendo : kvaronhora interparolo titolita "Say it in Esperanto" (detaloj en paĝo 373).

La Laborkunsidoj kaj aliaj kunvenoj estis efektive plensukcesaj kaj pruvis ankoraŭ denove la valoron de Esperanto por laboristaj celoj.

Monflanke subtenis nian Kongreson la Meti-sindikata Kongreso (T.U.C.) kaj kromaj sindikatoj kaj Kooperaj Organizoj. La Kongresanoj ricevis Civitan Akcepton en la Urbdomo, kie oni dankis la Urbon pro ĝia bonveno kaj pro la permeso veturi senpage sur tramoj kaj aŭtobusoj.

Okazis ankaŭ vizitoj al karbo-minejoj, katunfabrikoj, modernaj presejoj, koopera bakejo, Esperanta biblioteko ĉe la "Central Library," veturo laŭ "Manchester Ship Canal" kaj senpaga vizito al "Belle Vue."

Ja menciinda ankaŭ estas la "Vegetarana Vespero," kiam fremdaj vegeteranoj renkontiĝis kun siaj samideanoj el Lancashire kaj Cheshire. La Kongreso finiĝis per ekskursoj al Blackpool kaj Hope, Derbyshire.

Presraportoj pri la Kongreso estis vere bonegaj. Aparte notindaj estis la *Manchester Evening News*, pro siaj Esperantaĵoj kun anglaj tradukoj, kaj la *Manchester Guardian*, kiu, post ĉiutaga informo pri la Kongreso, publikigis ĉefartikolon tre favoran al Esperanto.

Estas jam evidente, ke la loĝantoj en norda Britujo konstatas la valoron de Esperanto pli ol iam antaŭe. Pro tiu konstato la Esperanto-Movado certe gajnos pluan forton en la baldaŭa estonteco.

R. Roberts.

